

# Boletín

*n° 404 oktobro - decembro 2013*




*Asociación de utilidad pública*

EDERACIÓN
SPAÑOLA
E ESPERANTO
SPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 404

Redakto-skipo
Direktado kaj kompostado: Ángel Arquillos López
Revizio: Alejandro Pareja

Retadreso de la bulteno:
bulteno@esperanto.es
*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj
* La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn
*Republikado de enhavo nur permesita kun permeso de la redakcio aŭ de la aŭtoro

**Hispana Esperanto-Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Bankokonto BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Poŝtelefono: +34 638 547 104
Telefono: +34 914 468 079 (bv. Lasi mesaĝon en la aŭtomata respondilo)

**Estraro**

**Prezidanto:** José Antonio del Barrio
**Vicprezidanto:** Ángel Arquillos López
**Sekretario:** Félix M. Jiménez
**Kasisto.** Raúl Mtnez. Anguita
**Voĉdonantoj:** Eduardo Berdor
Juan José Vera
Jesús García Cano

Presejo: Gráficas Notivol (Zaragoza)
DL: M-39811-2012

# Salutvortoj

Feliĉajn Festojn al ĉiuj legantoj de Boletín. Mi esperas kaj deziras ke la Nova Jaro 2014 estos fruktodona kaj multaj homoj povos trovi laborpostenon, ĉar ŝajnas ke la krizo foriras iom post iom.

Multaj el vi scias ke mi estas la nova HEF komitatano de UEA, kaj mi pretas labori por reprezenti nian landon kaj tiamaniere mi havos la okazon voĉdoni gravajn aferojn kaj decidi kune kun la reprezentantoj de ĉiuj landoj. Mi jam spertis kiel anstataŭanta komitatano dum la U.K. en Rejkjaviko kaj denove mi aliĝis al la U.K. Kongreso de Bonaero por partopreni kaj decidi aŭ informi al la estraranoj pri nia Federacio.

En Andaluzio, kie mi loĝas, la LKK de la Hispana kaj Andaluza Kongresoj okazontaj en Arundo (Ronda) de la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014, laboras por okazigi sukcesajn kongresojn kun partopreno de konataj esperantistoj kaj flamenkaj kantistoj kaj dancistoj. Ĉi speciala kongreso estas nova sperto kaj mi invitas vin ĉiuj ĉeesti kaj partopreni.

Mi profitas la spacon kiu restas sur ĉi paĝo por vigligi la homojn kiuj ankoraŭ ne aniĝis al HEF, ĉar la avantaĝoj estas nombraj kaj la jarkotizo estas malmultekosta. Sur la postkovrilo vi trovos formularon por aniĝi al nia Federacio. Koran dankon. .

Ĝuu la legadon.

La Redaktoro.

# Enhavo




# INFORMADO PRI 2013 KAJ PROJEKTOJ POR 2014

Dum 2013, "Fundación Esperanto" daŭrigis la projekton "Esperanto en Iberoameriko" per la sendado de libroj cele al disvastigado de Esperanto.

Tiu projekto estis starigita por apogi la agadon en iberoamerikaj landoj, ĉefe pensante en kazoj kun malpli da rimedoj kaj ebloj. En 2013 Flugis materialoj (precipe) libroj al Kubo (la sendokostoj pagitaj estis 45,41 €).

Ni volas esprimi nian dankemon al kunlaborantoj kaj ties dediĉo de tempo kaj mono.

Menciindas la kunlaboremo de Pedro Sanz kaj Miguel Gutiérrez.

Pri konkretaj ekonomiaj helpoj, jen la decidoj faritaj tiusence:

Al Grupo Esperantista de Bilbao: 100 € pro instalo de lifto en la domo de la sidejo kaj pro organizo de E-kursoj.

Al Hispana E-Federacio: 300 € por apogo de "Bitoteko".

Konvenas indiki ke la mono disponebla sufiĉe malaltiĝis. Tial ni devis doni malpli ol ni komence pensis (kaj malpli ol nia deziro volis)

Krome, kiel kutime, en nia sidejo estis organizitaj E-kursoj por komencantoj senpage.

**PROJEKTOJ POR 2014**

Helpoj por instruado kaj disvastigado de Esperanto.

Oni helpos diversajn aktivaĵojn por Esperanto.

Ekz.: organizado de E-kursoj, eldono de libroj en aŭ pri Esperanto, realigo de E-eventoj...

Eĉ oni povas fari aliajn sugestojn aŭ proponojn.

La petoj devos esti ricevataj antaŭ ol la 30-an de novembro de 2014.

Lastatempe, la elspezoj kreskis kaj la enspezoj malpliiĝis. Tial, la tuta kvanto disponebla por helpoj estos 300 €.

## Agado de SATeH kaj Fundación Esperanto: E-libroj al Kubo

El Kubo alvenis peto pri helpo per sendado de materialoj por disvastigo de esperanto.

SATeH kaj Fundación Esperanto kunagadis kaj sendis precipe librojn al la urbo Bayamo.

En 2010 okaze de la UK en Havano ni sendis multe da materialoj, sed ni konscias pri la problemoj kaj bezonoj en Kubo.

En oktobro veturis instruiloj (lernolibro, vortaro) kaj beletraj juveloj (Kihxoto kaj aliaj verkoj tradukitaj de F. de Diego, la poezia antologio tradukita de M. Fernández) inter aliaj eroj.

Ni esperas ke ili estu fruktodonaj!

Lorenzo Noguero (Sekretario de "Fundación Esperanto")

---

# NEKROLOGE

## HELMAR FRANK FORPASIS



Prof. Helmar Gunter Frank, unu el la plej elstaraj pledantoj por la scienca apliko de la Internacia Lingvo dum la lastaj jardekoj, forpasis post longa malsano en la Zamenhof-tago, la 15-a de decembro. Li naskiĝis la 19-an de februaro 1933.

Helmar Frank doktoriĝis en 1958 ĉe la filozofo Max Bense, kies maniero kunigi natursciencojn, arton kaj filozofion multe influis ankaŭ lian pensadon. Frank fariĝis konata esploristo kaj aŭtoro pri kibernetiko, precipe pri ĝia apliko al estetiko, pedagogio kaj psikologio. En 1963 li iniciatis la unuan germanan konferencon pri programita instruado kaj instru-aŭtomatoj. Samjare li fariĝis profesoro ĉe la kibernetika katedro de la Pedagogia Altlernejo de okcidenta Berlino. Ekde 1972 li laboris en la Universitato de Paderborn.

Frank lernis Esperanton en 1974 per kurso de Hermann Behrmann, kiu poste nomis lian varbiĝon "mia plej granda sukceso". Frank malkovris la grandan potencialon de Esperanto por la sciencoj kaj la neceson de science pruvitaj argumentoj por la lingvo, kiun li mem preferis nomi ILo. Fine de la 1970-aj jaroj komenciĝis sub lia gvido internacia eksperimento pri la propedeŭtika valoro de Esperanto, kies rezultoj estas ĝis nun ofte uzataj en la informado pri la lingvo...

Gazetaraj Komunikoj

# NOVAĴOJ PRI HEF

## HEF ELDONIS RETAN BULTENON

Hispana Esperanto-Federacio lanĉis dum lastaj monatoj novan komunikilon por siaj anoj kaj simpatiantoj de la internacia lingvo. Temas pri reta bulteno, kiu ricevis la nomon "La Bitbulteno", kaj kiun oni sendis per retpoŝto al pli ol 300 adresoj.

Ĝi estas dulingva, hispana kaj esperanta, kaj celas informi ne nur la anojn de la asocio, sed ankaŭ ĉiu homo interesiĝanta pri la lingvo kaj/aŭ la movado, ne nur en Hispanio, kvankam granda parto de la informoj ĝenerale temos pri iniciatoj en tiu parto de la terglobo.
Do, ni volonte sendos ĝin al ĉiu interesito, sendepende de la loko kie oni troviĝas. Se iu el la legantoj de "Boletín" havanta aliron al la reto ankoraŭ ne ricevis ĝin kaj dezirus ricevi la venontajn numerojn, bv. sendi mesaĝon al la adreso: letero@esperanto.es.

Skribu ankaŭ al tiu adreso se vi deziras ke ni sendu ĝin al aliaj adresoj de simpatiantoj, aŭ por konigi viajn informojn.

Ni esperas ke ĝi estu utila por la ricevintoj kaj por la movado ĝenerale.

## RENOVIGO DE LA RETEJO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Plu antaŭeniras la renovigo de la retejo de HEF.

Kiel ni komentis en pasinta numero de Boletín, komence de somero ni ŝanĝis la servilon, al alia kun pli granda amplekso kaj kapablo, kaj en septembro ŝanĝiĝis la baza ŝablono de la retejo, nun pli simpla kaj adaptita al porteblaj telefonoj kaj tabulkomputiloj.

La renovigo de la retejo atingis novan mejloŝtonon fine de septembro: la plurlingvigon de la retejo. Nun HEF disponas de diversa materialo prezentanta Esperanton kaj la asocion en la kataluna, galega, eŭska kaj astura lingvoj. Ni esperas ke la procezo plu antaŭeniros dum venonta tempo, kaj ni alvokas por la kunlaboro en tiu ĉi iniciato.

Dum venontaj semajnoj oni funkciigos internan spacon por membroj de la asocio. Ankaŭ okazos modifoj en la specialaj paĝoj gastigataj en esperanto.es, kiel la Granda Vortaro de De Diego, la Bitoteko, kaj ankaŭ tiuj de lokaj asocioj kaj de la hispana junulara societo.

## JAM PRETAS LA ALIĜILO AL HEF POR 2014

Estas jam utiligebla la Aliĝilo al Hispana Esperanto-Federacio por la jaro 2014. Vi povas trovi ĝin en tiu ĉi Boletín kaj oni povas peti ĝin al la estraro, por diskonigi, aŭ eblas elŝuti ĝin el la adreso: http://www.esperanto.es/hef/images/PDF/Inscripcion2014eo.pdf.

Memoru ke ĉijare la Ĝenerala Kunveno de HEF aprobis la kreadon de speciala kotizo por junuloj (malpli ol 30 jaroj), senlaboruloj kaj aliaj personoj kun ekonomiaj malfacilaĵoj. Bv. kontakti la estraron por koni la detalojn.

# PRI GRUPOJ KAJ ASOCIOJ

## Andaluzio

## Malago

La Malaga Esperanto-Klubo, dum la lernojaro 2014, ĉar ni gvidas kurson de Esperanto en lernejo, ni daŭrigos la Perfektigan Kurson de E-o, kiun ni komencis antaŭ kelkaj semajnoj por plibonigi niajn konojn. La metodo estas tute en Esperanto kaj ni sukcesas ne krokodili dum unu horo kaj duono ĉiu marde.



## Arundo

La pasintan 14-an de decembro, en la urbo Ronda (Arundo), kelkaj membroj de Malago kaj la loka grupo, kunsidis por celebri la Zamenhof-Tagon kaj ni profitis la okazon viziti la Junularan Restadejon kaj la Kongresejon, interlie. Ni kunmanĝis en fama restoracio kaj tostis je la sano de nia lingvo kaj la Movado. Kompreneble ni profitis la okazon paroli pri la diversaj programeroj de la Kongresoj okazontaj de la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014, kaj vizitis la novan Junularan Restadejon, kies ĉambroj estas tre komfortaj por gejunuloj kaj plenkreskuloj kaj la prezoj estas tre malaltaj, 10 eŭroj tranoktado, 2 eŭroj matenmanĝo kaj 5 eŭroj tagmanĝo kaj vespermanĝo. Ni ankaŭ havis la okazon viziti la "Peña Flamenca", kun ampleksa kaj alloga salono kaj scenejo, kie ni ĝuos flamenkon kaj la spektaklon Vivu la Teatro III, prezentita kaj organizita de Miguel Fernández dum la lastaj hispanaj kongresoj, kun teatraĵoj en Esperanto, deklamado kantado kaj mirinda surprizoj.



# Madrido

Zamenhofa Tago

La pasintan dimanĉon oni festis diversloke sur la mondo la Zamenhofan Tagon. Ni madridanoj modeste faris nian eblon kunvenante en luita por la evento spaco, ĉe madrida kvartalo Usera. Nian sinceran dankon al Mati ĉar ŝi serĉis kaj trovis tiun decan ejon!

Tie kunvenis pli ol dudek samideanoj ekde la dekunua matene. Salutis nin sunbrila tago, bonega medio por okazigi la unuan programeron: surstrata vizito al kelkaj interesaj lokoj de la kvartalo, helpe de Félix. Tiel agrable oni atendis la ceterajn geamikojn por solene bonvenigi ilin je la 12a. La enirantoj ne povis ne suprenrigardi etan elmontron fare de Libroservo, afero ĉiam okazinda en ĉia esperanta kunveno.

Alejandro Pareja tuj mirigis la ĉeestantojn per siaj konoj pri horloĝoj. Krome, li permesis nin rekte esplori kelkajn ekzemplerojn kiujn li alportis el sia kolekto. Tio horloĝe daŭris unu horon. Ĉu estas tiom preleginde pri tiu temo? Jes, ja!

Sekvis bilda elmontrado far Manolo Parra pri lia vojaĝo al Belgio kaj Nederlando, titolita "Bicikloj estas ne (nur) por Somero". Ĉia biciklo aperis surekrane: maŝinoj kun bremsoj ne sur la stirilo, eĉ iuj ne posedantaj pedalojn, ĉiuj kadre de belaj urbaj pejzaĝoj. Ĉiuj amuziĝis eksciante, ke Manolo Parra estas ne nur bonega esperantisto, sed ankaŭ imagopova dezajnisto pri bicikloj! Vidi lin saltanta (jes, kangurue sal-tan-ta) sur lia elpensaĵo estas, certe, io altgrade rekomendinda.

Ene de tiu amuza etoso, la esperantistoj faris poste ion ne multe rekomendinda: plu paroli dum oni maĉis abundajn kaj bongustajn (eĉ ekzotikajn) manĝaĵojn alportitajn de la ĉeestantoj. Imagu vin prononcante "ĉu ĝi decas por la tutmonda paco?" kun via buŝo plenplena de buntkolora duonmaĉita kuko! Ve!

Kiel aliaj jaroj, malrespondeculoj permesis, ke Juan del Castillo alportu kelkajn erojn el sia lud-kolekto. Eĉ ke li proponu ludi ilin! Ĉu tial, ke "ni jam estas tie ĉi, kial ne?", aŭ tial, ke "Estus hontinde se mi subite forkurus el la urbo", la fakto estis, ke kelkaj kuraĝiĝis partopreni, unue timeme, poste vigle.



Nu, eble tiu ulo fine ne estas tiel fia!

Por fini la programon, oni projekciis la filmon "Esperanto", freŝe eldonita de SAT.

Denove, oni konstatas ke festi Zamenhof'on estas bone, ke ĝui esperantan etoson bonas ankaŭ. Sed ke eĉ pli bone estas renkonti ĉiun jaron tiujn geamikojn, kiuj parolas tiom strange.

Juan del Castillo

## Zaragoza

## La Zamenhof-a Tago

Kiel kutime laŭlonge de multaj jaroj, la Esperanta Societo "Frateco" de Zaragozo celebras ĉiujare feston omaĝe nian Majstron. Tiu ĉi jaro ankaŭ, kaj ĝi komencis la 14an de decembro en la restoracio de la Paraninfo de Zaragozo (antaŭa Fakultato de Medicino). La partopreno de gesperantistoj estis kontentiga, ja ni ankaŭ invitis al la lernantaro kiu komencis ĉi-jare la Esperanto-kurson. Post la manĝado, la prezidanto Lorenzo Noguero, ekzaltis la celebradon kaj la intelektan figuron de Dro. Zamenhof, kaj dankis al la ĉeestantoj ilia partopreno kaj la firma decido daŭrigi tiujn celebradojn.

Kaj ankaŭ kiel kutime, ni daŭrigis la feston la 17an decembro en nia Centro, kiu konsistis en prelego de samideano Antonio Marco Botella, kiu priskribis la vivon de "La Virino kaj la poezio en la Mezepoko", kiam en Hispanio kunvivis tri minoritatoj: hispanoj, judoj kaj araboj.
Li menciis la opiniojn de certaj intelektuloj kiuj profunde studis tiun epokon kaj ekzaltis ĝuste la viverojn de la Virino: A.F.Schack trafe opiniis pri la tiuepokaj muzulmanaj virinoj:

*"La situacio de la virinoj en Al-Andalus, estis pli libera ol tiu en la ceteraj muzulmanaj landoj, ili intervenis en ĉiuj kulturaj aktivaĵoj de la tiama socia vivo, kaj ne malmultaj virinoj, spec iale muzulmanaj, atingis famon pro la plenumo de intelektaj taskoj. Ofte, ili disputis kun la viroj pri poeziaj laŭroj. Tiel alta civilizacia nivelo kaj konduto estis la vera kaŭzo de la respekto kaj estimo, kiujn ili ricevis en Al-Andalus, evidente neniam atingitaj de la ceteraj virinoj en aliaj islamaj landoj".*

Ankaŭ aliaj fakaj eminentuloj opiniis pri tiu ĉi temo, kaj sendube ne mankas opinioj por plej diversaj gustoj, mi citas tiun de Dro Sawqi Dayf, kiu, eble por emfazi tiujn virinojn kaj ties poezio, faris komparojn kaj diris:





*"Ke la nobelaj muzulmanaj virinoj de Al-Andalus ludis en la tiama beletro rolon similan en certaj aspektoj, al tiu de la franca virino en la Franca Literaturo dum la XVII-a kaj XVIII-a jarcentoj...*

Mia modesta opinio ne akordas kun tiu de ĉi elstara araba verkisto, eble ekzistas certa simileco, sed en konkretaj kazoj, kiel tiu de la princino Wallada, kaj sendube sen ĝeneraligi en aliaj aspektoj. Estus tre longaj la eksplikoj ĉar oni devus longe eksplikі la diversajn diferencoj de ambaŭ: kulturo, edukado, kutimoj ktp.

La prelego estis interesa, sed post la fino venis alio tute malsama: oni gustumis kelkajn manĝetojn kaj trinkaĵojn, kiuj ĝojigis iom pli la etoson de la festcelebrantoj…

Kaj kiel fino de tiu ĉi informo ni aldonas: fratecan saluton al ĉiuj legantoj de "Boletin" kaj plej bonan deziron por la venonta Nova Jaro 2014!!!

Antonio Marco Botella

Decembro 2013.

# VOJAĜEMAJ ESPERANTISTINOJ

Carmen Suárez kaj Lupe Sanz konstatis dum sia vojaĝo tra la lando Kubo ke Esperanto estas vivanta tie. Unue ili trovis en Santiago de Kubo murŝildon en presejo je la memoro de loka esperantisto, bedaŭrinde la nunaj laboristoj ne parolas nian lingvon kvankam ili konas la historion de la ŝildo. Due, en Bajamo ili vidis anoncon de Esperantaj kursoj en centra placo de la urbo. Ili ne povis kontakti kun la organizanto sed ili estis informitaj de la programero de la loka esperanto-grupo. Finfine en La Habana ili kontaktis kun esperantistoj, Fernando Paredes, delegito de UEA, akompanis ilin la tutan tagon tra La Habana Vieja kaj montris ŝildon kiun la urbodomo donacis al esperantistoj dum la UK okazinta en La Habana. Pro familiaj kialoj, alia esperantisto, Martín Castro ne povis akompani al la madridaj esperantistoj sed ili vizitis lin en lia hejmo. Nome de Madrida Esperanto-Liceo Carmen kaj Lupe donacis ekzemplerojn de libroj eldonitaj de MEL. S-ro Castro luas domon en la centra kvartalo Vedado kaj ili akceptas esperantistojn kun speciala prezo.



Carmen kaj Lupe feriis ankaŭ en Armenio kaj rendevuis en kafejo de Erevano, la ĉefurbo, kun grupo de esperantistoj. La prezidanto de la grupo ricevis ekzempleron de la libro “Tra la ŝpuroj de Lorca”

Lupe

ESPERANTO EN LA LITERATURO
Graham Green “Nuestro hombre en La Habana” Eldono de ABC S.L. 2004 Paĝo 231 “En el exterior había fotografías en color de mujeres desnudas y una palabra coloreada en neón brillaba en el *night-club* Esperanto: STRIPTEASE. Unos escalones pintados a rayas como pijamas baratos conducían a un sótano brumoso”

Ĉu vere ekzistis en La Habana clubo nomita *Esperanto*??



# 2014, JARO POR EŬROPA AGADO

Dum la nun komenciĝanta jaro 2014 oni probable multe parolos en Hispanio pri Eŭropo kaj Eŭropa Unio. Ja lastatempe la politikaj kaj ekonomiaj decidoj en nia lando pli kaj pli iĝas influitaj de la eŭropaj institucioj, kaj aliflanke –kaj plejofte bedaŭrinde– ŝajnas ke la perspektivoj de multaj ĉitieaj junuloj troviĝas nuntempe preter la ŝtataj landlimoj. Pli specife, dum tiu ĉi jaro estas kunvokitaj balotoj por la Eŭropa Parlamento, kaj oni antaŭvidas renovigon de multaj instituciaj gvidantoj. Do, tre probable la fokuso de la amaskomunikiloj direktiĝos al Eŭropa Unio pli ofte ol jam estas kutime.

La estraro de Hispana Esperanto-Federacio taksis ke ĝuste Eŭropo povas fariĝi celo ankaŭ por nia agado. Ni esperas ke inter aliaj eŭropuniaj temoj, ankaŭ la lingvaj, kulturaj kaj ĝenerale sociaj malegalecoj ene de tiu ĉi kontinento kaj ĝiaj institucioj fariĝos ankaŭ objekto de debato, kaj ke ni povos profiti por montri la rolon kiun Esperanto povus havi en la eŭropa estonto.

Kompreneble, ni bone konscias pri du rimarkendaj cirkonstancoj: unue la malmulta atento kiun, tiuj temoj ĝis nun ĝuis en la publika opinio, kaj kiun nia evidenta malforteco ne sukcesis kontraŭbatali. Kaj due, la varieco de la opinioj pri tiaj sociaj temoj, kaj specife pri Eŭropo, ene de nia membraro, kaj la neceso respekti la statutan neŭtralecon de nia asocio.

Sed ĉiukaze ni certas ke ni povos trovi komunan terenon por agi, en celo kiun ĉiuj ni certe kunhavas: la nepreco konsciigi la publikon kaj la influajn instituciojn pri la aktuala maljusteco en la divido de povo en la Uniaj institucioj, el kiuj la lingva politiko estas ekzemplo kaj simptomo. La eblecoj estas multaj, kaj ni volas kuraĝigi la esperantistojn partopreni en la debato.

Ekzemple, ni planas demandi la kandidatojn al la venontaj balotoj pri iliaj ideoj pri lingva politiko en Eŭropo, kaj ni provos ke tiu demando troviĝu inter la debatotaj tempoj, ne nur inter la partioj, sed ankaŭ en la komunikiloj, forumoj kaj institucioj. Evidente, ni faros tion unualoke kun la konsento de la anoj, sed ĉefe kun ilia kunlaboro, ĉar certe tiu estos tasko por pli grandaj fortoj ol tiuj kiujn nur la estraranoj povos akiri. Jen do alvoko al partopreno en skipo por antaŭeniri tiun projekton.

La agado devus esti tuteŭropa, kaj certe ni esperas kunlabori kun aliaj landaj asocioj en tia kampanjo. Ĝi devus esti celo de Eŭropa Esperanto-Unio, la federacio kiu devus kunordigi la eŭropunian poresperantan agadon. Bedaŭrinde, HEF estas tre malkontenta pri la trajektorio de EEU dum la lastaj jaroj, kaj ni ne fidas ke ĝi agos en maniero adekvata por respekti la karakteron de nia asocio.

Jam la antaŭa estraro de HEF debatis pri tiu agado, kaj protestis pri la ideologia aliro kiun EEU entreprenis defendante Esperanton kiel ilon ne por respekti la rajtojn de la civitanojn, sed por krei eŭropan identecon. EEU orientis sian agadon laŭ la teorioj de sia nuna sekretario, Zlatko Tišljar, kiu ĝuste tiun identecan politikon defendis en siaj publikigaĵoj, kune kun vidpunktoj kiuj kunigas la eŭropan konstruadon al apartaj religiaj aŭ civilizaciaj tendencoj. Ni kompreneble akceptas ke ĉiu esperantisto defendu sian ideologian opinion, sed ni taksas ke asocio grupiganta la landajn societojn devas agadi pli prudente kaj respekti la ideologian pluralecon de iliaj anoj.

Do, en decido de marto de la jaro 2011, HEF decidis ne pagi la kotizon al EEU, ĝis kiam ni ricevos klarigojn pri tiu orientiĝo. La nuna estraro konservas sian malkontenton, kaj ni esprimis ĝin

en la publikaj forumoj de la Unio, sen ricevi klaran agnoskon ke la estraro de EEU komprenas la problemon. Krome, ni sentas ke tiu estraro apenaŭ kalkulas je la anoj en sia agado (nur kiel ekzemplo, la prezidanto de EEU partoprenis en kunveno de la platformo pri Multlingvismo sponsorita de la Eŭropa Unio, okazinta en Madrido, pri kiu neniu informis la ĉitiean asocion, kaj pri kiu ni sciis pro mesaĝoj de aliaj aktivuloj).

Ni tre bedaŭras tiun situacion, kaj ne deziras troigi tiujn opinidiferencojn, sed ni tamen volas komenti malferme al la anoj, por ke oni konscii pri tiuj problemoj, kiujn ni provos solvi por defendo de la celoj komunaj.

Sendepende de tio, kiel dirite, HEF ne povas neglekti la debatojn kiuj iom post iom kreskas en tiu ĉi lando kaj en aliaj pri Eŭropo, ĝia karaktero kaj ĝia estonto. La lingvaj certe ne estas la ĉefaj problemoj de tiu ĉi kontinento, sed ili estas bonaj indikiloj pri multaj el la bazaj malfortecoj de la eŭropa integriĝo. Se ni sukcesas tion montri al niaj kuncivitanoj, eble nia movado ja povas helpi en la konsciigo pri la neceso trovi pli justan vojon en la plibonigo de la socio.

Ĉu vi volos kunlabori? Alportu viajn ideojn kaj vian laboremon. Ni ĝuos esceptan okazon eliri el nia fermita rondo kaj kunlabori en pli egaleca kaj justa socio.

Hispana Esperanto-Federacio

# BITOTEKO EN ROTERDAMO

**Ana Manero**

Pasintan 2an de decembro okazis en Roterdamo, en la kongresejo De Doelen, la 3a Ĝenerala Jarkunsido de la Reto Europeana, al kiu Hispana Esperanto-Federacio estis invitita ĉar provizanto de metadatenoj. Ĉeestis ĝin Ana Manero, kiel kunordiganto de la projekto Bitoteko.

Dum la kunsido oni analizis la faritan laboron kaj skizis la novajn planojn por la estonto. En venonta numero aperos pli detala artikolo pri la tuta afero, ĉar nia redaktoro devas plenumi siajn limdatojn kaj bezonatas pli da tempo por verki ampleksan kaj dokumentitan artikolon.




Tamen jam sciu, ke partoprenantoj havis la ŝancon prezenti per afiŝo siajn projektojn kaj HEF profitis ĝin. Iom kontraŭhorloĝe HEF laboris por dezajni, printi kaj sendi ĝin, sed fine ĝi sidis plaĉe en la halo de la kongresejo.




Kelkajn tagojn antaŭe, la 30an de novembro, okazis samurbe la ĉi-jara Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, kaj profitante la vojaĝon de Ana Manero por la kunsido de Europeana, ŝi estis invitita kontribui al la programo per prezento pri Bitoteko. Tuj sekve HEF ricevis el akademiano B. Moon donacon de 100 € por ĉi projekto.

La tuta Malferma Tago disvolviĝis en tre agrabla etoso. Ĉefpreleganto estis Federico Gobbo, profesoro pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo. Li faris du tre interesajn prelegojn: "Instrui interlingvistikon hodiaŭ: spertoj kaj konsideroj", kaj "Lingvoj planitaj por fikcio: kion ni povas lerni?". Roĉjo Huurman prezentis TEJO-n, Ana Manero prezentis Bitotekon kaj Ionel Onet, libroservajn novaĵojn, inter kiuj la antologion "Poezio: armilo ŝargita per futuro", kompilitan kaj tradukitan de Miguel Fernández, kaj la lastan numeron de Beletra Almanako.

Oni projekciis du filmojn: Esperanto" (2013, SAT), kiun la partoprenintoj de la lasta SAT-kongreso en Madrido jam havis la ŝancon spekti, kaj "71-a UK en Pekino" (1986). Krome eblis butikumadi en la libroservo kaj gustumi senpagan kafon kaj teon. Resume do, du intensaj tagoj pasigitaj en ĉarma urbo.



# UEA REPREZENTITA EN KONFERENCO EN BARCELONO

Universala Esperanto-Asocio estis reprezentita en la 44-a konferenco de la Asocio de Lingvotestistoj en Eŭropo (ALTE), kiu disvolviĝis inter la 13-a kaj la 15-a de novembro en Barcelono.



Temas pri faka kunveno de specialistoj de ALTE, kies institucia membro estas UEA ekde 2008. En la densa programo estas fakprelegoj, kunsidoj de laborgrupoj kaj kunveno de delegitoj de plenrajtaj membroj. Nome de UEA en la konferenco partoprenis Zsófia Kóródy, vicprezidanto de ILEI kaj membro de la komisiono de UEA pri la Ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER).

Ŝia prelegpropono estis akceptita jam en la antaŭa ALTE-konferenco kaj fariĝis parto de la oficiala programo de la Laborgrupo pri Instruista Trejnado.

Ŝia prezentado montris la mondskalajn agadojn de UEA kaj ILEI, analizis la malfacilaĵojn oferti klerigajn servojn al dise vivanta klientaro kaj rakontis pri la vasta uzado de la retejoj lernu.net kaj edukado.net. La publiko sekvis kun intereso la raporton pri la KER-ekzamenoj pri Esperanto, pri la specialaj klerigofertoj de la Universitato Adam Mickiewicz en Poznano kaj de Reta Instruista Trejnado (RITE) gvidata de Katalin Kováts, kaj pri la Modula Instruista Trejnprogramo (MITE) de ILEI. En la kunsido partoprenis ankaŭ du reprezentantoj de la Ŝtata Lingvoekzamena Centro (ITK) en Hungario, kun kiu UEA kunlaboras kiel ĝia ekskluziva internacia partnero en la tereno de Esperanto-ekzamenado.

En la lasta tago, vendredo, la konferencon salutis Ferran Mascarell, regiona konsilisto pri kulturo de Katalunio, kaj okazos fakprelegoj pri la konferenca ĉeftemo, “Lingvotestado por subteni enmigradon kaj integriĝon – diversaj aliroj al komuna afero”.

Oni aŭskultis prelegon pri la kreskanta nombro de migrantoj kaj pri la decido de la registaro por certigi dulingvan devigan instruadon de la kataluna kaj la hispana en la lernejoj.

Inter la ĉefprelegantoj estis ankaŭ Philia Thalgott de la Konsilio de Eŭropo. Laŭ Zsófia, estis interese aŭdi, kiel politikistoj strebas reagi al la (lingvaj) problemoj de la kreskanta nombro de migrantoj, do ne estis hazarde, ke ALTE traktis ĝuste tiun aktualan temon. Estas grave ankaŭ por la Esperanto-movado sekvi la novaĵojn pri lingvotestado, ellaborado de novaj fakmaterialoj far ALTE kaj reprezenti nian lingvon kaj ne nur lerni, sed kunlabori en tiu internacia faka rondo.
Pluraj delegitoj alparolis ŝin post ŝia prezentado pri Esperanto, ekzamenoj kaj pri instruista trejnado kaj multon ŝi povis rakonti al interesitoj ankaŭ dum la paŭzoj kaj dum tagmanĝoj. Laŭ Zsófia, estas tre grave partopreni en tiuj ALTE-konferencoj, ja nia lingvo Esperanto havas tiel

ŝancon esti reprezentata kaj povas montri sin en la rondo de fakuloj pri lingvoinstruado kaj ekzamenado.

Zsófia ĝuis krome la ŝancon renkontiĝi kun la barcelonaj esperantistoj, kiuj ne nur gastigis ŝin, sed ŝin akompanis en la urbo por montri interesajn lokojn kaj rakonti pri historio, kulturo, vivo. Ŝi ĉeestis la mardan klubvesperon, kie ŝi rakontis pri Esperanto-agado en Herzberg, kaj post la konferenco ŝi havis la eblon viziti la Muzeon de Esperanto de Subirats kaj konatiĝi kun tiu mirinda kolektaĵo.




---

# 10-a Kongreso de EEU, Kroatio 2014

Invito al la kongreso

Elkore mi invitas vin al la 10-a kongreso de EEU en Rijeka, Kroatio, kiu okazos de la 6-a ĝis la 12-a de julio 2014. Kroatio estas la plej nova membroŝtato de EU kaj havas verŝajne la plej fortan tradicion de Esperanto inter ĉiuj EU membroŝtatoj. La jugoslavia eksprezidanto Tito, kroato, parolis Esperanton, kaj aŭspiciis UK-on en Zagrebo en 1953 kaj kroata ŝtatprezidanto Stjepan Mesic aŭspiciis UK-on en Zagrebo 2001. En Kroatio esperantiĝis esperantistaj famuloj kiel Ivo Lapenna kaj Tibor Sekelj kaj de tie devenas multaj aliaj gravaj agantoj por la internacia E-movado. De tie devenas Zagreba Metodo de instruado de espeanto, 90% de teatraj aktivadoj en Esperanto kaj granda daŭra informado pri Esperanto al la ĝenerala publiko.

Dum 2013 en Bruselo estis interesa ekspozicio fikcia pri la eksplodo de EU en 2018 kun subtitolo "La Lastaj Jaroj de la Longa Paco 1945-2018". Kvankam la flandra artisto kiu konceptis kaj preparis la ekspozicion, Thomas Bellinck, estas neesperatisto, la ĉefa lingvo de ĝi estis Esperanto. Ĝia ideo estis ke EU eksplodis ĉar la junularo, kiu eĉ ne povis imagi militon en Eŭropo, pli kaj pli voĉdonis por ekstremaj naciistaj partioj, kiuj tiris Eŭropon en novan grandan militon. Post tiu milito, pli da homoj fine komprenis la neceson de politika intregriĝo en Eŭropo, kaj de neŭtrala lingvo por finfine garantii la pacon. Pensiga ekspozicio por sproni viglan debaton dum la kongreso en Rijeka!.

Krom tio atendas vin viglaj diskutoj pri la plej efika maniero antaŭenirigi Esperanton en la 28 membroŝtatoj de EU, atendas vin aro da kulturaj programeroj en la bela ĉemara urbo Rijeka kiel teatraj spektakloj, koncertoj, poeziaj vesperoj, libroprezentoj. Kompreneble en tia bela ĉirkaŭaĵo, en unu el la plej famaj turismaj regionoj de Kroatio, atendas vin ankaŭ pluraj ekskursoj, ĉemaraj kaj montaraj.

Venu kaj kontribuu, ĝuu kaj lernu!

Seán Ó Riain, prezidanto de EEU          Legu pli: http://eeu-kongreso.webnode.com/

# NI MALKOVRU ARUNDO-N (RONDA)
## KONGRESURBO DE LA 73-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ 18-A ANDALUZA KONGRESO

La arkeologiejo de Acinipo, troviĝas sur granda alt-ebena plataĵo el la terciara geologia periodo, kies mezalto estas 999 metroj sur marnivelo. Ĝia alteco sur la Arunda Depresio donis al ĝi tre klaran estrategian valoron, kaj tiu faktoro estis konsiderinda en ties epoko kiam oni decidis starigi tie la urbon.

Acinipo estas unu el la establiĝoj kies nomo aperas por la unua fojo ĉe klasika teksto de Ptolomeo kaj Plinio. Ĉi arkeologiejo estis pristudita de multaj esploristoj; la unuaj informoj estis publikitaj en la 16-a jarcento fare de Lorenzo de Padilla, kaj estis Fariña del Corral, en la jaro 1650, kiu konstatis ke la teatro apartenis al romia epoko.

Kvankam la plimulto de la videblaj restaĵoj estas romiaj, ni ne povas preterpasi la gravajn prahistoriajn ruinojn de la urbo. La plej antikvaj trovaĵoj datumas de la Neolitiko, kun kontinueco ĝis la Kupra kaj Bronz-epokoj. Estis dum la prahistoria fazo kaj pro la efiko de la koloniantaj fenicoj, kiam Acinipo havis gravan disvolviĝon, kiu finis en la romia epoko, antaŭita de la iberia fazo.

La faktoroj kiuj influis en la situado de Acinipo tie, kie ĝi staras nun, estas pluraj. Unuflanke, ties alteco sur la depresio, kiel unu el ties pli altaj punktoj, kiuj donis al ĝi klaran estrategian valoron kaj videbleon de la ĉirkaŭanta teritorio. Aliflanke, la romia situo de Acinipo troviĝas en zono kun facila komunikado kun aliaj urboj de la romia provinco.

La alirejoj al la la Gvadalkivira Valo, al la Kadiza marbordo kaj al la sinsekvoj de depresioj de la "intrabetika sulko", estas bone videblaj, kio permesis al la loĝantoj facile kontakti kaj komerce rilati kun aliaj urboj, laŭ la numismatikaj eltrovaĵoj (Acinipo ĝuis la rajton stampi monerojn).

Alia faktoro kiu influis en la situado de ĉi urboj estis la disponebleco de terenoj latente fekundaj por agrokultura uzado. Ĉi terenoj, eksplua

titaj ekde la Neolitiko, estis tre gravaj dum la romia epoko, kaj eĉ dum la nuntempaj tagoj ili daure utilas por la agrokulturo de la Arunda Depresio.

Aliflanke, la municipo de Acinipo, ekspluatis la ekzistantajn rimedojn laŭlonge de ĝia natura proksima spaco: marmoro, ŝtonoj por konstruado, fera kaj argila mineraloj de bonega kvalito por la pot-fareja produktado.

Laŭ la spaco elkavigita, la romia fazo estas la plej grava. Tamen, ekzistas strukturoj atribueblaj al la ĵusa prahistoria fazo, kiel la rondaj kabanoj kun ŝtonpavimitaj portaloj.

Ekde la fino de la 1-a jarcento a.K. oni rimarkastipe romia urban planadon kaj konstruadon, kies ĉefa ekzemplo estas la teatrejo de la urbo, kiu laŭ ĝiaj teknikaj konstruaj trajtoj estas enkadrigita kronologie je la fino de la 1-a jarcento a.K. Same, en la centra parto de la Plataĵo ni povas konstati la restaĵojn el tio kio povis esti la forumo aŭ la publika placo de Acinipo. Apud ĉi socia, politika, ekonomia kaj religia centro, ĉe la areo de ĉi ramparita urbo, ekzistis aliaj konstruaĵoj de



publika naturo kiel la publikaj termo-banejoj, el kiuj restas tri banejoj, la teatrejo, temploj, unu el kiuj daŭre staris ĝis komence de la 21-a jarcento, ktp. Tio montras la urban progreson kiun Acinipo atingis dum ĉi unuaj jarcentoj de la Imperio kaj la gravan disvolviĝon kiun trafis la urbo, kaj evidentas la efikon de bone starigita povo.

Tute male ŝajne okazis post la 3-a jarcento p.K. kiam Acinipo defalis, kaj en la 4-a jarcento p.K. estis kiam la menciita urbo perdis sian superregantan rolon en la zono, kiu estas prenita de la apuda urbo Arundo.

Alesperantigis: Ángel Arquillos

# ALIĜILO

73-a HISPANA ESPERANTO-KONGRESO
kaj 18-a Andaluzia Kongreso RONDA
de la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014

*Plenumu tiun ĉi aliĝilon, kaj komuniku ĝin al la asocio AEU en Malago. Oni povas sendi ĝin (aŭ simple la datenojn) per e-mesaĝo al kongreso@esperanto.es aŭ al fizika adreso de la asocio: Asociación Andaluza de Esperanto AEU Calle Ánfora, 6-5-D 29013-Málaga (Hispanio)*

PERSONA NOMO ......................................FAMILIA(J) NOMO
(J).........................................................
ADRESO ............................................................................................................................
URBO...................................................(.......................................)
LANDO.......................................
RETADRESO.......................................................................................................
TELEFONNUMERO(J) ......................................................................
MEMBRO DE HEF Jes Ne NASKIĜDATO ........................ (nedevige, nur por statistiko aŭ rabato)
ALIAJ RABATOJ...................................
DATO DE PAGO.............................. MANIERO DE PAGO..............................................
KOTIZO..................................................................
ALIAJ.....................................................................
DONACO................................................................

| **KOTIZOJ** | **Aliĝo ĝis la 31-a de januaro** | **De la 1-a de februaro ĝis la 31-a de marto** | **Post la 31-a de marto kaj surloka aliĝo** |
|---|---|---|---|
| **Membroj de HEF aŭ AEU** | **35** | **45** | **55** |
| **Ne membroj de HEF** | **45** | **55** | **65** |
| **Juna membro de HEF (malpli ol 30)** (2) | **25** | **35** | **45** |
| **Junulo nemembranta en HEF (malpli ol 30)** | **30** | **40** | **50** |

*Pagu la kotizon en jena bankokonto indikante la tekston "Kongreso" kaj vian nomon en la bankokonto: 2031 0225 54 0100187657 Caja General de Ahorros de Granada (se vi estas en Hispanio)*
*Por pagi eksterlande bv. uzi jenan kodon: IBAN ES80 0487 3225 1420 0000 6979 //SWIFT/ BIC : GBMNESMMXXX*
*(1) La efektiva dato estos tiu de ricevo de pago.*
*(2) Sama rabato estas aplikebla al lernantoj de Esperanto ĉeestantaj kursojn organizitajn de grupoj aligitaj al HEF aŭ AEU, komenciĝintajn inter septembro 2013 kaj aprilo 2014.*
SUMO...................................................................

# KIAL LA PRODUKTADA KOMPANIO DE "GRAVITY" NOMIĜAS "ESPERANTO FILMOJ"

Kiu ĉeestis la projekcion de *"Gravity"*, unu el la plej sukcesaj filmoj de la lastaj monatoj, tiu eble rimarkis ke en la finaj titoloj aperas jena mencio: *"An ESPERANTO FILMOJ Produktado"*. Tiel, en Esperanto, temas pri la nomo de la kompanio de Alfonso Cuarón, la reĝisoro de la filmo, kiu ankaŭ aperis en antaŭaj liaj verkoj, kiel "La labirinto de la faŭno".

En la retejo de HEF eblas legi la hispanlingvan version de la intervjuo kiun Cuarón respondis al Sam Green, la reĝisoro de la dokumentalo "The international language", en kiu la meksikia filmisto rakontas pri siaj simpatioj pri la internacia lingvo.

Ni prezentas tie ĉi la esperantan versión, unue aperinta en Esperanto en la retejo de Sam Green, en la adreso http://esperantodocumentary.com/blog/intervjuo-kun-alfonso-cuaron

## INTERVJUO KUN ALFONSO CUARÓN

Alfonso Cuarón estas la meksika reĝisoro de multaj popularaj Hollywood-aj filmoj, ekzemple: "Children of Men", "Y tu mamá también", kaj "Harry Potter and the Prisoner of Azkaban". Antaŭ iom da tempo, mi rimarkis ke la filmprodukta firmao de Cuarón nomiĝas "Esperanto Filmoj." Mi ekscivolemis, do kontaktis Cuaron kaj lastatempe ni havis bonan konversacion per Skajpo pri Esperanto, espero, kaj la hodiaŭa mondo. Jen kelkaj pecoj:



**Sam Green:** Do, kio inspiris vin elekti tiun nomon por via firmao? Ĉu estas rakonto?
**Alfonso Cuarón:** Esperanto ĉiam fascinis min. Mi memoras la unuan fojon kiam mi eksciis pri Esperanto, tra hispana aŭtoro nomita Miguel Unamuno, hispana aŭtoro de la unua parto de la 20a jarcento. Unu el la roluloj en liaj verkoj estas ekscentra anarkiisto kiu parolas Esperanton. Poste mi ekkomprenis la tutan aferon, la ideon de Zamenhofo, de la universala lingvo kiu kunigos la tutan mondon.

Kiam mi serĉis nomon por ĉi tiu firmao - kaj mi kreis filmojn en la angla kaj la hispana, kaj mi volas krei filmojn en aliaj lingvoj, kaj mi kreis filmojn en diversaj landoj, kaj mi kredas ke homoj naskiĝas kiel homo, kaj nur poste ili ricevas pasportojn. Do, mi serĉis nomon kiu subtenas tiun sencon de "universala lingvo." Malgraŭ iuj miaj kritikoj, mia koro daŭre subtenas la ideon de Esperanto.

**SG:** Nu, estas amuza, mi iom sentis tion simple tra la filmo "Children of Men," kaj evidente la mallonga filmo "The Possibility of Hope" vere efikis min emocie pro ĝiaj temoj de espero kaj imagante iun estontecon, havante la eblecon imagi radikale malsaman estontecon. Tio, laŭ mi, estas unu el la ĉefaj esencoj de Esperanto.

**AC:** Mi estas tre esperplena, tre optimisma homo. Eble mi estas pesimisma pri la nuna situacio, sed mi daŭre estas optimisma pri la estonteco. La problemo estas ke mi malamas renversitan optimismon. Mi kredas ke la unua grava afero estas esti klara pri la analizo, pri kiel la situacio vere estas. Ĉar se ni ne klaras pri tio, kiel ni povas ŝanĝi ĝin?

La tuta afero de Esperanto - kaj mi scias ke Esperanto havis bonajn tempojn kaj malbonajn tempojn - sed ekzistas iu pureco pri ĝi. Ĉar se ĝi estas utopio, ĝi estas io tre pura kaj tre memfarita. Ĝi temas pri la ebleco komuniki inter homoj.

**SG:** Parolante pri komunikado, ĉu vi havas ion por diri al la Esperanto-mondo?



**AC:** Nu, mi bedaŭras ke mi ne povas diri ĝin esperantlingve! Mia koro estas kun ili. Ĝi estas unu el tiuj aferoj kiuj... eble estas iu vojo per kiu ĝi okazus, per kiu la Esperanto-movado eksplodus. Mi ne scias. Estus bonega - ĝi estas bonega ideo. Kaj ankaŭ la fakto ke homoj lernas Esperanton, ĝi feliĉigas min scii ke homoj fakte sekvas la ideon, fakte faras ĝin. Kaj ankaŭ, mi ĝojas vidi kiom vasta la komunumo estas. Ĝi ne estas surprizo, tamen, ke la grandaj ideologioj persekutis Esperanto, ĉu ne? Ekzemple, dum la pasinta jarcento, la nazioj kaj poste Stalin decidis ke ĝi estis danĝera.

**SG:** Vi bone konas la historion de Esperanto!

**AC:** Mi scias iom pri ĝi, sed ne tiom multe. Denove, mi havas grandan kompaton por Esperanto, kaj denove pro tiu rolulo... estis dum miaj junulaj jaroj ke mi legis "Niebla," la libron de Unamuno, kaj mi havis tian kompaton por tio ĉi, temis pri la maljuna onklo de la amato de la ĉefa rolulo, la ekscentra anarkiisto kiu parolas Esperanton. Kaj neniu komprenis lin ĉar li diris ĉion en Esperanto. Sed la plej bona afero estis ke ĉio, kiun li diris en Esperanto, ĉio pri kiu li parolis estis pri la frateco de la homaro. Do, por mi tiu ideo kaj la ideo de Esperanto estas forte kunligitaj.

**SG:** Hej, ĉu estas oficejo por via firmao ie, kun "Esperanto Filmoj" skribita sur la ĉefa pordo?

**AC:** Ha! La loko kie mi estis loĝanta, tio estis la oficiala oficejo por la firmao, kaj ĝi estis skribita sur peco de papero, memfarita per glubendo. Mi translokiĝis de tie, sed mi serĉos foton de ĝi, ĉar mi ĉiam ŝatis vidi ĝin. Mi devos esplori, kaj mi sendos ĝin al vi se mi ĝin trovas.

**SG:** Tio estus bonega! Multajn dankojn pro la konversacio. Estis ĝojo.

**AC:** Ne estis problemo. Bondeziroj.

---

## 99 UNIVERSALA KONGRESO EN BONAERO/KONGRESA TEMO 2014: "ĈU LA NEPOJ NIN BENOS? STREBOJ AL DAURIPOVA ESTONTECO"

Laŭ decido de la Estraro de UEA, la 99-a Universala Kongreso en Bonaero, Argentino, traktos la temon "Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco". Interalie, tiu temo markos la finon de la Monda Jardeko de Edukado por Daŭripova Evoluo (2005-2014), sub aŭspicio de Unesko.




"Ni esperantistoj ja laboras por 'la nepoj', t.e. por la venontaj generacioj, laŭ la vortoj de Zamenhof en 'La espero'", komentas d-ro Mark Fettes, la prezidanto de UEA. "Sed niaj nepoj vivos en monda socio kiu devas solvi multe pli da problemoj, ol nur la lingvan. Esplori la ligojn inter tiuj streboj kaj la nia, tio estas la celo de la tema programo."

Kerne en la koncepto de daŭripova evoluo troviĝas la konservado de kultura kaj lingva diverseco, akompane al la biologia-ekologia diverseco. Tiu aspekto de la kongresa temo certe ricevos atenton en Bonaero, kie eblos kleriĝi pri streboj konservi indiĝenajn lingvojn, pri plurlingvaj lernejoj, kaj simile. Fettes tamen akcentas, ke la temo traktos pli vastan terenon.

"Tradicie, oni parolas pri 'tri kolonoj' de daŭripova evoluo: la ekonomio, la socio, kaj la naturo. Ni zorgos, ke la temkunsidoj donu atenton al ĉiuj tiuj kampoj. Per tio ni celas ne nur klerigi nin pri aktualaj mondaj evoluoj kaj alternativoj, sed ankaŭ aktualigi nian idearon. El la kongresaj debatoj, lau mia espero, povus veni novaj respondoj al la demando: pro kio Esperanto?"

**Kelkaj aspektoj de Bonaero:**

En Bonaero loĝas ĉirkaŭ 3 milionoj da personoj. Se ni aldonas al la urbo la najbarajn urbetojn (metropola areo konata kiel Granda Bonaero) la totalo estas 14 milionoj da homoj.
Bonaero havas fortan identecon, markitan de enmigrintoj el diversaj partoj de la mondo. Ĝi estas konsiderata malferma urbo, tre kosmopolita. Ĝiaj loĝantoj estas konataj kiel porteños (havenanoj), vorto kiu venas de la urba havena statuso.

## Utilaj informoj

### Elektra energio

En Argentino la elektra tensio estas 220-voltaj. En la urbo estas facile akiri adaptilon por fremdaj aparatoj.

### Akvo

La kranakvo estas trinkebla.

### Manĝado

La diverseco de kulturoj en Argentino speguliĝas en la manĝaĵoj. Estas diversaj tipoj de restoracioj por ĉiuj preferoj kaj poŝoj. Krom la konataj viandaĵoj eblas trovi eblecojn por manĝi vegetare, arabe, ĉine, germane, hispane, itale, koŝere (jude) ktp.

Bonaero havas plurajn senpagajn publikajn hospitalojn. La servo funkcias 24 horojn tage.
La ambulanca servo nomiĝas SAME. La telefonnumero por urĝa servo estas 107 (senpaga).

### Transportado

La Metroo kaj busoj en Bonaero
La tarifo de la metroo estas ARS 3,50. Ĝi funkcias inter 6h 30 kaj 22h 30.
La busoj, metrooj kaj trajnoj de Bonaero havas du elektronikajn pagmanierojn:
Per karto nomata SUBE (Sistema Unico de Boleto Electrónico). La plej facila.
Per moneroj.
La kostoj estas malsamaj. Se vi pagas per moneroj, la tarifo estas ARS 3,20
Per SUBE, la tarifo estas averaĝe ARS 1,50




La busoj servas 24 horojn tage, sed maloftiĝas ekde noktomezo ĝis la 7h00 matene.

La busoj, metrooj kaj trajnoj de Bonaero havas du elektronikajn pagmanierojn:

Per karto nomata SUBE (Sistema Unico de Boleto Electrónico). La plej facila.

(Pliajn informojn: http://www.esperanto.org.ar/uk2014/

# KOTIZTABELO DE UEA POR 2014

**(validas ekde la 1-a de oktobro 2013)**

**MG:** Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado plus la revuo *Esperanto* rete: 11 €

**MJ(-T):** Membro kun Jarlibro plus la reta versio de la revuo *Esperanto* (kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago): 26 €

**MA(-T):** Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo *Esperanto*: 63 €

**SA:** Simpla abono al la revuo *Esperanto*, sen membreco en UEA: 40 €

**Kto:** Abono al la revuo *Kontakto*, sen membreco en UEA/TEJO: 24 €

**SZ:** Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA): 126 €

**PT:** Patrono de TEJO: pagas 3-oble la kotizon de MJ(-T) por subteni TEJO-n (ne inkluzivas membrecon); ricevas la revuon Kontakto kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO.

PERANTO:

Pedro A. Garrote, c/ Las Mercedes, 5, 5ª C. 47006 VALLADOLID (ESPAÑA)
Retadreso: hisperanto.uea@terra.com

BANKO: BANCO ESPAÑOL DE CRÉDITO (BANESTO) VALLADOLID
( GRUPO SANTANDER)
KONTO : 0030 6002 74 0000901271 Ĉi tiu konto validas por La Ondo de Esperanto kaj UEA






# RAPORTO PRI LA 21-A INTERNACIA ES-PERANTO-SEMAJNO EN LLORET DE MAR

Unu semajno ne sufiĉas por okasigi la plej gravan renkontiĝon de Hispanio, kie la bona etoso kaj kamaradeco en ĉiu momento regas kaj feliĉigas la homojn.
Ĉi jare, la hotelo Gran Hotel don Juan, kiu estas enorma, kun tri naĝo-basenoj, bona manĝo, komfortaj ĉambroj kaj nombra ĉeestantaro el diversaj landoj kiel jam estas kutime. Kaj ne mankis bonaj prelegantoj kiuj riĉigis nin per diversaj temoj kiel: "Kulturo de daŭropoveco", prelego gvidata de la germana D-ro Wolfgang Guenther, kiu disdonis la enhavon de sia parolado paperformate al ĉiuj ĉeestantoj, kaj tiamaniere ni sekvis la konferencon legante la paperon dum li klarigadis kelkajn aferojn. Nia konata samideano Paulo Branco, prelegis pri La Eŭropa Unio, ĉar li estis funkciulo dum 25 jaroj en diversaj institucioj de Eŭropa Unio, kaj nuntempe estas administratoro de la Konsilio de Ministroj de Eŭropa Unio. Ankaŭ gekologoj el Litovio, geedzoj Aldis Buŝ kaj Júrate Busiene surprizis nin per originala prelego pri la litova pentristo kaj komponisto Mikolajus Konstantinas Ĉiurlionis. Kaj denove, ĉi jare, nia kara amikino Barbara Pietrzak, Ĝenerala sekretario por informado de UEA, prelegis pri diversaj facetoj de la Esperanto-movado, ĉefe pri Pola Radio kaj diversaj gazetoj kiel Heroldo de Esperanto, Kontakto, ktp. Kompreneble, Luis Serrano, kiu estas unu el la organizantoj, ankaŭ prelegis pri Agrokulturo. Kaj kiel kutime oni aljuĝis la Premion Ada Sirkoskta al s-no Alicja Quednau, kiu tre multe laboris por solvado de lingvaj problemoj interalie.








Ni ĝuis du ekskursojn, la unua al Tossa de Mar per ŝipo kaj la dua al la urbo Girono por viziti la katedralon kaj tuj poste kelkaj el ni promenadis tra la centraj stratoj. Je la 12-a horo tagmeze, ni reprenis la buson por vojaĝi al la belega urbeto Cadaqués, kiu estas fama ĉefe ĉar la pentristo Salvador Dalí loĝis tie dum multaj jaroj, kaj lia domo estas vizitebla. La urbeto Cadaqués estas vere bela kaj alloga.

Al la solena malfermo ĉeestis la urbestro de Lloret Romà Codina y Maseras, kiu dankis nome de la urbo kaj ricevis kiel donaco, la verkon D. Kiĥoto de la Manĉo, vortaron kataluna-Esperanto kaj diversajn broŝurojn. Mi, kiel delegito de HEF, salutis kaj deziris ĉion bonan por la Semajno, kaj tiel okazis kaj denove ni tostis per t.n. ĉampano Esperanto kaj la fama "cremat" post la ludado de la ensemblo "Montjuic", kiuj ludis kaj kantis dum tri horoj havanan muzikaĵon. Vendrede ni vizitis la "Museo del Mar", tre interersa muzeo pri la historio de maristoj kaj malkovro de Ameriko, kaj ni havis tempon viziti la plej gravajn lokojn de la urbo kiel: la preĝejon belege konstruita ĉirkaŭ la malnova ekzistanta, dum la 20-a jarcento laŭ kataluna stilo, tre simila al tiu de Gaudí, ktp. Mi tre ŝatis la sperton kaj jam pripensas la aferon ĉeesti la venontan Semajnon, kiu okazos en la provinco Tarragona.

Ángel Arquillos



# MIA ITALA KONGRESO (dua parto)

Jen, alvenas la 2a parto de mia itala kongreso, okazinta komence de aŭgusto en la regiono Ligurio. En la 1a parto mi fokuziĝis en ties koncertoj. Ĉar la artikolo jam sufiĉe longis, mi preferis verki poste pri aliaj trajtoj.

Prelegoj kaj atelieroj

Dum la malfermo, kiu ja estis sufiĉe solena, Humphrey Tonkin prelegis pri "Esperanto, ponto por la Eŭropa kulturo”. Li trafe analizis Esperanton laŭ kultura kaj lingva vidpunkto. Estus bone retrovi tiun tekston ie. Mi devas agnoski, ke mi ne ĉeestis multajn prelegojn ĉar mi multe ekskursis kaj poste mi devis ripozi por bone elteni longajn noktojn.

Krome, S-o Tonkin pli longe prelegis pri "La homo Shakespeare kaj la varo Shakespeare". Li estas tre vigla homo. Ĉi-kaze li estis por mi tro akademia ĉar ne facilis kompreni la Ŝekspirajn fragmentojn, kiujn li analizis.

Mi ĉeestis sufiĉe ofte la perfektigan kurson gvidatan de Rafael Mateos. Li instigis nin debati pri diversaj temoj. Ĝi estis malsama alproksimiĝo al la lingvo-ekzercado sufiĉe pli interesa ol pripensi pri gramatikaĵoj. Ni devis babili pri komplikaj kaj pensigaj aferoj. Esperanto nur estis ilo, ne temo. Mi ege ŝatus estontece partopreni en same interesa ateliero.

Maria Nuyanzina gvidis atelieron pri tradukado. Mi ne ĉeestis ĉar mi studis tion kaj mi sciis, ke mi ne lernos multajn aferojn novajn, sed mi povas aserti, ĉar mi ĉeestis la prezenton de la atelieraj konkludoj, ke ĝi estis tre kompleta kaj tute kontentiga por la partoprenantoj.


Katedralo de Sankta Lorenzo Ĝenovo

Aliflanke, Georgo Handzlik kaj amiko sia faris teatraĵon pri kverelantaj geedzoj, kiuj fine prenas malsamajn vojon en la vivo. Temis pri komedio. Mi ne multe ridis, sed almenaŭ sufiĉe multe ridetis.

Laste sed ne vaste, proksime al noktomezo, s-o Astori proponis "Noktajn meditadojn". Mi nur ĉeestis la lastan. En sia rilato al Esperanto, li opinias tre grava la homaranismon. Li komentis tekstojn de Zamenhof kaj de aliaj aŭtoroj.

Estis aliaj atelieroj: pri Eŭropa Unio kaj Esperanto, pri Sorobano (japana abako), seminario pli longa ol la kongreso mem pri lingvoinstruado danke al Katalin Kováts, pri danco aŭspice de la muzikgrupo Kapriol', sed de ili mi ne estas okula atestinto.

**Ekskursoj**

La unua ekskurso, kiun mi partoprenis estis duontaga al Sanremo. Tie ni vizitis la ĉefan komercan straton, ni eniris en la rus-ortodoksan preĝejon, ni trairis ĝiajn stratetojn kaj supreniris ĝis la parko situanta en la pinto de la urba monteto, kie troviĝas la plej malnovaj kvartaloj de ĝi. Sanremo surprizis min, ĉar mi imagis ĝin kiel urbon similan al Montekarlo sed malpli granda. Tamen ĝi havas pli da vidindaĵoj ol mi pensis. Dume, mi havis la ŝancon longe babili kun la aŭstralia Richard, kun ukraina Larysa... Mi lernis multajn aferojn pro ili, i.a., pri botaniko kaj Aŭstralio.

Lundon ni faris kulturan ekskurson kun kunveno pri Clarence Bicknell, kiu estis anglo, kiu ekloĝis en urbeto Bordigera por pli bone esplori pri botaniko kaj aliaj sciencoj. Alia kongresano kaj mi ludis pianon kaj poemojn kaj pecojn de eseoj de Bicknell oni legis. Mi aparte ŝatis ludi Ŝopenan lulkanton, kiun oni interpretis 100 jarojn antaŭe dum privata koncerto. Ni ankaŭ vizitis la muzeon de Tende pri la najbaraj Alpaj montoj. La traduko al Esperanto estis altkvalita. Krome, ankaŭ en la alia flanko de la franca-itala landlimo ni malkovris preĝejon, kiu enhavis mirindajn surmurajn pentraĵojn. Ĝi situis proksime al Kasterino, sed mi forgesis ties nomon.


Ĉarma angulo de Kastelaro

Ekskurseton oni povus nomi la viziton al la vilaĝo Kastelaro akompanataj de la vilaĝestro. Nia kongresvilaĝo estis ĉarma kaj havis malsuspektinde pentrindaj anguloj. Mia akompanantaro estis tre agrabla, tial la vizito pli plaĉis al mi.

Merkredon ni buse atingis Ĝenovon, unu el miaj plej ŝatataj urboj, kiujn mi malkovris pasintjare dum persona vojaĝo. Ĉiuj kongresanoj krom vi eniris la akvarion, dume mi vidis du ekspozicion en la ĉambroj de la Duka Palaco. Poste, organizanto gvidis nin tra la urbo. Bedaŭrinde la sonsistemon, kiun li uzis malfunkciis kaj ni ne povas aŭdi lin bone. La katedralo kaj kelkaj stratoj estas la plej elstaraj lokoj.

Ankaŭ estis ekskursoj al urboj kaj urbetoj Imperja, Ĉervo, Albenga, Toirano, ĉiam en Ligurio, sed mi ne iris. Fakte, tute ne eblis ekskursi kaj ĉeesti la kongreson samtempe, ĉar estis ekskursoj ĉiujn tagojn.

<u>Junularaj noktoj</u>
Por la nedormemuloj, la juna skipo de IEJ streĉis iliajn cerbojn por plani interesajn aktivaĵojn por ĉiuj tagoj. La unuan nokton en malhelo ni faris sinprezentajn kaj memorajn ludojn, sed eble ni ne eltenis tre longe kompare al aliaj tagoj ĉar ni sentis la lacigon de la vojaĝo.

La morgaŭon estis la vico de la internacia trinkomanĝa nokto. Tuj antaŭ mia foriro el Hispanio, mi ricevis retmesaĝon de la energia Boris, kiu okupiĝis pri tiuj ĉi noktoj. En ĝi ili petis, ke ni vizitantoj el aliaj landoj alportu tipajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn por prezenti ilin kaj tuj poste gustumi ilin. Bedaŭrinde mi ne havis tempon por bone elekti kaj la tortojn, kiujn mi aĉetis estis eble tro sekaj kaj ne tro akceptindaj por vegeteranoj. Estis bonegaj manĝaĵoj, sed eble tro da alkoholaĵoj. Mi aparte memoras la kaŝason (sukerkanan brandon) el Brazilo, oj. Kelkaj prezentoj de produktoj estis rimarkindaj: estis pli da intereso kiam la manĝaĵoj estis nekonataj de ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj.


Placo Ferrari en Ĝenovo

Eble la plej interesa nokto estis la homlupa! Temas pri strategia rolludo en kiu estas venĝemaj vilaĝanoj, dumnokte kaŝe mortigaj homlupoj kaj aliaj roluloj. Laŭ mi, ĝi estas bonega ekzerco por praktiki iun ajn lingvon ĉar necesas babili kaj rezoni por defendi sin aŭ ataki. Estis iuj spertaj ludantoj kiuj montris al la aliaj la vojon pri kiel ludi.

Jam mardo alvenis kaj kun ĝi la ligura nokto, kiu similis multe al la trinkomanĝa nokto, sed ĉifoje ni gustumis lokajn produktojn. Elstaris olivaj ŝmiraĵoj, porkaĵoj. Italio ja rimarkendas pro ĝiaj kuir-arto kaj nutraĵoj.

La aliaj noktoj estis malpli "kadritaj". Ni partoprenantoj decidis kion fari. Mi aparte amuziĝis per la ludo "En Esperantujo", en kiu jes/ne-ajn demandojn la kandidato faras al la civitanoj kaj li/ŝi devas diveni la du specialajn regulojn ekzistantajn en la lando.
Ĉefe mi ĝojis pro la ĉeesto de humuraj Esperantistoj pli-malpli samaĝaj kiel mi. Mi multe interkonatiĝis kun la italoj. Davide estis amuzega. Junaj Esperantistoj estis ankaŭ el Svedio, Francio, Rusio, Vietnamio, Brazilo, Aŭstralio, ktp.

Resume, mi pensas, ke la Itala Kongreso estas unu el la plej bone organizataj kaj pli internaciaj E-aranĝoj, kvankam ne facilas okupiĝi pri pli 200 homoj el 32 landoj. Estas konsilinde partopreni en tia. Mi gratulas ilin ankaŭ, pro tio ke ili sukcesas okazigi la kongresojn en diversaj regionoj kaj ke la lokaj aŭtoritatoj engaĝiĝas. Mi esperas konstati, ke la renkontiĝo de la junuloj estos tiel bonkvalita.

Eduardo Berdor

# LA 25a EŬROPA RENDEVUO
# 16-17.11.2013

La jubilea evento okazis semajnfine en "Stella-Plage" ĉe la nordfranca markolo en la bela kaj komforta feriejo "Stella Maris". Ĝi estis bone organizita de la geedza paro Arlette kaj Edmond Plutniak. Tridek kilometrojn norde de "Stella-Plage" situas Boulogne-sur-Mer, la urbo de la unua Esperanto-kongreso. Rendevuis pli ol okdek esperantistoj el ok landoj. La plej multnombraj estis francoj de la norda regiono.

Sabate la 16-an de novembro 2013, post la akcepto de la alvenintoj, Arlette prezentis la novan prezidanton de la Nordfrancia E-Federacio Michel Dechy. Ŝi bonvenigis la partoprenantojn kaj skizis la programon, kiu tuj posttagmeze komenciĝis. Oni povis elekti el kvar eblaj programeroj. Katalin Kovats gvidis E-kurson por komencantoj, kiun povis observi ankaŭ instruantoj. Michel Dechy prezentis kaj animis kurson pere de Tinĉjo-albumoj, Anne Jausions prezentis la plej interesajn nuntempajn romanojn kaj Franjo Lévêque kantigis muzikŝatantojn kaj gvidis korusan atelieron. Ĉe la fino de la staĝo ili regalis nin per belaj kantoj.




Katalin disdonis atestilojn al ĉeestantaj esperantistoj, kiuj sukcesis en KER-ekzameno. Tre bone funkciis la libroservo de FEL prizorgata de la belga E-klubo de Gent. Laŭ la propono de Flory Witdoeckt el Belgio, oni kolektis donacitajn librojn por esperantistoj en Kongolando. En la ferieja restoracio ni bonege manĝis. Vespere ni ĝuis koncerton de Guillaume Armide kaj poste ni babilis en agrabla etoso trinkante cidron, oranĝsukon aŭ bieron.

Samtemaj programeroj daŭris dimanĉe antaŭtagmeze. Ekde la 11-a horo estis libera tempo. Oni povis trarigardi ekspozicion aranĝitan surloke kaj admiri belajn pentraĵojn de esperantistoj kaj ornamaĵojn el vitro faritajn de Katalin. Kelkaj eksponaĵoj estis aĉeteblaj. Iuj promenis ĝis la

plaĝo, aliaj veturis kaj vizitis la najbaran urbon Le Touquet. Antaŭ la tagmanĝo ni fotiĝis por memori la eventon. Loka ĵurnalistino aperigis artikolon pri la evento en franca ĵurnalo *La voix du Nord*.

Posttagmeze la geedzoj Plutniak dankis al ĉiuj kursgvidintoj kaj al la partoprenantoj. Ili gratulis ankaŭ la iniciatinton de tiu-ĉi renkontiĝo s-ro Jean Dietrich, la honor-prezidanton de la Norda Federacio, kaj la unuajn gvidintojn gesinjorojn Valet. S-ino France Valet rememorigis ĉiujn staĝojn, kiuj komenciĝis en Morbecque le Parc sub ŝia gvido. Poste estis prezentata sur ekrano la Eŭropa himno, Michel Dechy parolis pri sia entuziasmo rilate al Tinĉjo kaj prezentis la ĵus eldonitan tradukon de la bildlibro: *La Templo de l'Suno*. Retan Esperanto-ludon RISKO prezentis Katalin, ĝia aŭtorino. Oni eĉ iom provludis por pli bone kompreni ĝin kaj instigi la partoprenantojn al ludado. La koruso fermis tiun mallongdaŭran, sed belan aranĝon. Koran dankon al la organizantoj pro ilia entuziasmo kaj bona poresperanta laboro!

*Liba Gabalda*

---

Invito al PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun Radojica Petrović kaj Christophe Chazarein kaj internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1).

De 26a de aprilo ĝis 4a de majo 2014 en la franca Esperanto-kastelo Greziljono. Retejo: http://gresillon.org/printempo

Kontakto: kastelo@gresillon.org, +33-2.41.89.10.34, Maison Culturelle de l'Espéranto, Grésillon, St. Martin d'Arcé, 49150 BAUGÉ, France.



# POEMO DE JORGE GUILLÉN (1893-1984) TRADUKITA KAJ KOMENTITA DE MIGUEL FERNÁNDEZ

***DEKDUA SUR HORLOĜ'***



***Mi diris: Ĉio plenas.***
***Ekvibris iu popl'.***
***Folioj arĝentitaj***
***Sonis kun ama son'.***
***La verdoj estis grizoj;***
***La amo, suna glob'.***
***Tiame, tago-meze,***
***Birdeto donis for***
***Enventen sian kanton***
***Kun tia ama ton',***
***Ke sentis sin celita***
***Subvente iu flor'***
***Kreskinta ĉe la greno***
***Plej alta. Kaj mi do,***
***Tiumomente centro***
***De tia ĉirkaŭmond',***
***Vidante ĉi plenecon***
***Kvazaŭ por dia glor'***
***Diris: Ĉio, kompleta.***
***Dekdua sur horloĝ'!***







Per vortoj de la franca poeto Paul Valéry, distinginda reprezentanto de la skolo konata kiel *pura poezio*, Jorge Guillén asertis, ke “pura poezio estas ĉio, kio restas en poemo post ol oni senigas ĝin je ĉio, kio ne estas poezio”. Ĉi difino evidentigas la deziron elsarki el poemo anekdotajn elementojn, ĝis ĝi fariĝas esenca estetika realaĵo. En Hispanio, la majstro de tia pura poezio estis Juan Ramón Jiménez. Unuaepoke, la plejmulto el la poetoj de la *Generacio de 1927* sekvis liajn spurojn kaj praktikis ian konceptan poezion senan je aludoj al propraj aŭ konkretaj sociaj situacioj, ian poezion, kie la emocioj aperas kondensitaj. Unu el la plej eminentaj pura-poezianoj estis Jorge Guillén.

Rompante kun stilaj ornamaĵoj, la poezio de Guillén funkcias kiel pura lirika emocio. La poemo *Dekdua sur horloĝ'*, kiun la poeto komencis verki en 1934 kaj definitivigis unu jaron poste, tion pruvas. En ĝi, formo kaj enhavo precize interfratiĝas, senaj je ajna artifiko, kaj prezentas ĉiutagaĵojn –lumon, birdoflugon, vento-blovon, tagmezon– plej klare kaj diafane.

Ĉi-poeme, la mondo estas perfekta ento, kie ĉio dancas laŭtakte de harmonio kaj ekvilibro. Sed certaj ĉiutagaj okazaĵoj igas nin fali en absolutan sensan ekstazon. Unu el ili havas lokon en la lasta momento, kiam la tago atingas sian plenecon, ĝuste kiam la suno iĝas absolute vertikala: kiam tagmezas. La poeto, kiu en alia poemo, dekversa strofo kun la nomo *Perfekto*, spirhaltige majstre disvolvas tiun temon, volas fari nin konsciaj pri tia sublima tag-post-taga belo, kiun ni preteras, ĝuste pro ties ĉiutageco. Kaj

tial li proponas ĉi kanton al la lumo, al la zenita varmo, al la vigliga forto de la sun-radioj, li sentas sin kortuŝita de tiom da belo kaj volas kundividi kun ni tian senton. Kaj, eĉ pli, Guillén sugestas, ke, kvankam tre belas kontempli la sun-lumon ĉe tagmezo, la plej eksterordinara estas, ke ĝuste tiu-momente la mondo ja akiras sian veran sencon.

La tuta poemo estas kanto al homecigo de la naturo: la folioj sonas kun amo, la suno estas amo (kaj la amo estas suno), la birdoj ebriigas la aeron per kanto tiel adorinda, ke la floro sentas, ke la melodio celas enamigi ĝin.

La horloĝo grave rolas kiel simbolo. Ĉi-poeme ĝi estas ne nur simpla tempomezurilo. Ĉi-poeme Guillén senfilistrigas ĝin, faras el ĝi alegorion de lumo plej altruisma kaj fekunda, de energio viviga kaj vigliga, de sindonema forto, kiu tuŝas ĉiujn estaĵojn per memestimo kaj vivforto.
*Dekdua sur horloĝ'* estas romanceto konsistanta el sepsilaboj tiaj, ke la paraj viras kaj la neparaj virinas, kio dotas ĝin per aparta viglo kaj gracio. Miaflanke, mi penis por, laŭeble, fideli al la originala ritmo kaj respektis la ŝaton –kiun mi tamen kontraŭstaras– de la aŭtoro al majuskligo de i.a. la komencaj literoj de ĉiuj versoj, malgraŭ ke tio komplikas la legadon.

Miguel Fernández

**Federación Española de Esperanto**
Rodríguez San Pedro 13 3º-7 ES-28015 Madrid ·Tel 914 468 079
www.esperanto.es · correo electrónico: admin@esperanto.es
CIF: G47026356

Inscripción o renovación para el año:
**2014**

## Datos personales

Por favor, escriba en mayúsculas.

| | | |
|---|---|---|
| Nombre: | | Sólo para renovaciones |
| Apellidos: | | Nº socio: |
| Dirección: | | |
| Código postal: | Localidad: | DNI: |
| Teléfono(s) | | |
| Correo electrónico: | Fecha de nacimiento: | |

## Categoría de socio

Todos los socios reciben la publicación Boletín (4 números al año).

Marque con una X la categoría elegida:

| | Categorías | Euro | X |
|---|---|---|---|
| OM | socio ordinario | 32,00 | |
| | Cuota reducida: jóvenes (< 30 años), parados * | 20,00 | |
| KM | socio colectivo | 64,00 | |
| PM | socio protector | 64,00 | |

(*) según decisión de la última Asamblea General de la Federación, se crea una cuota especial para jóvenes y desempleados u otras personas con dificultades económicas; consultar con la directiva de la Federación para discutir los detalles.

## Forma de pago:

- ☐ Domiciliación bancaria (cumplimente y envíenos el impreso adjunto).
- ☐ Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204011961 del banco BBVA (adjunte comprobante).
- ☐ Ingreso en la cuenta hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (adjunte comprobante).
- ☐ Pago en efectivo en la oficina de la asociación.

Fecha:

Firma:

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, le informamos que sus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consiente expresamente este uso de sus datos. Le informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Públicas, y que puede ejercer sus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

| | |
|---|---|
| Titular de la cuenta: | |
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

| C.C.C.: | entidad | sucursal | D.C. | cuenta |
|---|---|---|---|---|
| | | | | |

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:

Firma del titular: